

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Año XVIII - Nº 241 SEPTIEMBRE-OCTUBRE 1980

# XL-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Reprezentantoj de E-Grupoj salutas dum la solena inaŭguro

BOLETIN
DE LA
FEDERACION ESPAÑOLA
DE ESPERANTO

DIRECTORA:
Dª Mª Aurora Viloria Nieto

DIRECCION
Y ADMINISTRACION:
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

REDACTOR JEFE:
D. Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40 - Telf. (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION:

D. Giordano Moyá
D. V. Hernández Llusera
D. Gabriel Mora y Arana
D. Pedro Nuez

*La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.*

Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martin, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

**Prezidantino**

Mª Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12-2º-C
Télf. (983) 260086
VALLADOLID

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde 8-8º-A
VALLADOLID

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana E.
A. Lorenzo Hurtado, 1
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.

Jacinto Urueña Antón
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

Pagoj por Libro-servo, sendu al
Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cuenta Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE H.E.F.
VALLADOLID

ELDONA FAKO

Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35-4º
ZARAGOZA-1

INFORMA FAKO

Ramón Molera
Sta. Joaquina, 13
MOYA (Barcelona)

ĈEFDELEGITO DE UEA

Juan Azcuénaga Vierna
Capitán Palacios, 3-4º-N
SANTANDER

# 40-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



**S-ro José María Bernabéu salutas**

Kiel tradicie la monato julio estas por la esperantistaro la plej grava monato de la jaro, ĉar la evento de la tutlanda kongreso, permesas al la samcelanoj kontaktojn kun ĉiuj gravuloj de nia E-organizaĵoj, kaj plie dum la pasinta kongreso en Madrido reliefigas tre bonan estontecon por nia movado, ĉar en ĝi oni traktis kaj decidis gravajn temojn, kiuj sendube markos nian agadon dum kelkaj jaroj.

Se oni devas trovi iun vorton por la 40-a H.K.E., ĝi estas «EFIKECO» ĉar ĉiu ero de la programo sukcesis plene.

Skize, nun la recenzisto komentos kion pli impresis al li.

La E-ekzamenoj estis tre brilaj kaj sukcesaj, partoprenis en ili kelkaj dekoj da personoj. Sed plie ankaŭ bone organizitaj, ĉar en la lasta tago de la kongreso estis disdonitaj la diplomoj al la gajnintoj. Do efikeco en la organizado kaj en la tasko de nia kompetenta p-ro F. Zaragoza kaj helpantoj.

Dum la kunveno de la HEF-estraro kaj delegitoj, oni aprobis: regulajn kontaktojn inter la respondeculoj de ĉiuj E-asocioj, interŝanĝon de dokumentoj kaj informiloj, eldonadon de gramatiko de s-ro Soler kun speciala eldono kun la lastaj konkludoj de la Akademio de Esperanto, kaj

vojaĝon tra nia lando de elstara esperantisto; tiel do plia efikeco.

HEJS okazigis fakan kunvenon, post unu jaro de kontaktoj pere de la informilo JUNECO kaj privataj korespondadoj; kunvenis veteranoj de la antaŭaj estraroj de HEJS kaj dekoj da gejunuloj. Resume, forgesante la kunvenintoj, antaŭajn regularojn kaj problemojn, reorganizis junularan sekcion de HEF. Ĉiuj proponoj estis poste aprobitaj dum la ĝenerala kunveno de HEF. Interesuloj pri tiu ĉi temo tralegu atente la reporteton de nia nova HEJS-vicprezidantino Ana María Ranero.

Seminario pri la temo «ESPERANTO EN LA LERNEJO» interesigis ĉiujn gekongresanojn, en ĝi oni traktis la nunan situacion de la instruado de Esperanto ĉefe en lernejoj, universitatoj kaj aliaj oficialaj centroj.

S-ro. Luis Serrano, regula kunlaboranto en la redakcio, verkis en alia paĝo komentarion pri la Seminario, ne forgesu tralegi ĝin.

Tri konferencoj kaŭzis sensacion al la gekongresanoj. S-ro Gian Carlo Fighiera festparolis okaze de la malfermo de la kongreso. S-ro Francisco Azorín Poch, konferencis pri la temo «Multkolora Kosmo, Griza Ĥaozo», kaj s-ro Manuel Criado del Val prelegis pri la aktualaj malfacilaĵoj de la lingvoj por la teknikaj, sciencaj kaj juĝaj esprimoj.

Alia grava aranĝo estis ankaŭ «Literatura Konkurso» organizita de Madrida Esperanto Liceo. Post longa babilado kaj diskutado inter la komisiono, s-roj Antonio Marco (Zaragozo), S. Aragay (Barcelono) kaj Juan Azcuénaga (Santander) decidis ke la gajnintoj estu...


Gekongresanoj atente rigardas la librojn

Sed rigardu la raporteton de s-ro Antonio Marco.

Se la poezio ne mankis en la Literatura Konkurso, efikeco regis dum la ĝenerala kunveno de HEF. Orde, gvidata de nia HEF-prezidantino M. R. Urueña estis prezentitaj multaj temoj al la ĉeestantoj, kiuj estis aprobitaj tre rapide: Konkludoj de la lasta kongreso, jarraporto de la nuna periodo, peto de la junularo por reorganizi HEJS-n, neceso de pli intima kunlaboro inter la Loka Kongresa Komitato kaj la asocioj, akceptado de komercaj anoncoj en la HEF-bulteno, kaj elekto de Murcio kiel kongresurbo por la jaro 1981-a kaj Zaragozo por la jaro 1983-a. Nun mankas trovi urbon por la jaro 1982-a. La proponojn rekte sendu al HEF-estraro. Ĉu oni povas peti pli da efikeco?

Ne nur laboro okazis dum la kongreso, ankaŭ la ĉeestintoj ĝuis simpatian aranĝon nome:

Du ekskursoj unu en Aranjuez kaj alia en Segovia. Arta Vespero kun projekciado de filmo kaj ludado de marionetoj. Vizitoj al Muzeo pri Mineraloj kaj artefarita minejo, Astronomía Observejo, kaj Muzeo Prado.

Kiel ora broĉo, la bankedo dum kiu, ĉiuj travivis la plej gajan kaj ĝojan momenton. Samtempe oni povis konstati ke la kompetenta prezidanto de L.K.K. s-ro Juan Carlos Ruiz, ankaŭ estas vigla kaj bona dancanto.

Devigas nin, nome la esperantistaro, danki kaj gratuli al la direktoro de «Escuela Superior de Minas», ejo de la Kongreso, pro lia helpo kaj kunlaboro. La efikeco de la kongreso estis efektiva grandparte danke al la ebleco realigi ĉiujn aranĝojn en la sama konstruaĵo eĉ la tagmanĝo.

Pliajn dankojn meritas ĉiuj membroj de la L.K.K. pro ilia pacienco kaj bonhumoro; certe ili estis la unikaj esperantistoj de la kongreso kiuj ne ĝuis sian kongreson.

Fine.oni alvokas vin, leganto al niaj kongresoj, ĉar nia esperantista familio estas vere granda, potenca kaj multnombra, tamen ni ĉiuj estas iomgrade izolita, unue en nia hejmo, due en nia urbo, ankaŭ regione, pro tio, ni necesas pliajn regulajn kontaktojn kaj sendube unu el la plej interesaj estas nia tutlanda kongreso, ĉeestu vi al ĝi, kaj certe vi reiros hejmen kun plia konfirma esperantista sento.

Ĝis Murcio!

**S. ARAGAY**

---

# Komentarieto al la Literatura Konkurso

En la kadro de la 40-a Hispana Kongreso de Esperanto, la Juĝkomisiono de la Literatura Konkurso prezentis dum la solena kunsido de la Kongresfermo la nomojn de la gajnintoj kiuj estis sekve:

Unua Premio por la konkursanto s-ro Carlos Musazzi, kies verketo «LEGENDO PRI RIVERETO MANZANARES» enhavis atentindan originalecon kaj belan stilon, kvalitoj kiujn oni konsideris meritoplenaj por atingi la plej altan rekompenson.

Dua Premio estis por la konkursanto s-ro José Luis García, aŭtoro de la verketo «KURÍ», scivolema historieto tre realisma.

Tria Premio estis por s-ro Bernard Golden, aŭtoro de la verketo «BOMBA VOJAĜO», moderna historieto tre aktuala, belstila, majstre rakontita.

La celo de la organizintoj, la Madrida Esperanto Liceo, estis inciti al la samideanaro praktiki beletron, alkutimigi nin pensi en nia Zamenhofa lingvo kreante belecon, kaj tiaj premisoj plenumiĝis en tiu-ĉi Konkurso, ĉar la partopreno estis abunda, kaj la teknika nivelo kontentiga.

Ni esperu, ke venontaj kongresoj, ne forgesu enmeti en siaj programoj, aranĝojn kiel tiu ĉi, kiuj jam normale ekzistis en pasintaj Hispanaj Kongresoj, kiuj certe donas rangon al ili.

Sincerajn gratulojn por ĉiuj la konkursantoj, kun eksterordinara mencio por la gajnintoj, kaj specialan dankon por la Madrida Esperanto-Liceo kiel organizinto, ili ĉiuj kontribuis en siaj respektivaj roloj sukcesigi la celojn.

**ANTONIO MARCO**



S-ro G. C. Fighiera dum sia Festparolado

# FESTPAROLADO

## La lingvaj baroj kontraŭ la Tria Mondo

**La norda-suda konflikto.** Post la milito la mondo malkovris, ke la epoko de luktoj inter ideologioj ne finiĝis.

En la ŝtormo de sango, fero kaj fajro jes estis venkita la lando-bloko reprezentata totalitaran ŝtat-koncepton, sed la du venkintaj lando-blokoj, ne plu kunigitaj de la komuna batalo, konstantis, ke danĝere profunda ideologia abismo dividas ilin: iliaj ekonomiaj kaj sociaj kredoj estis transformiĝintaj en dogmojn, kiuj ambaŭflanke estis unue enkorpiĝintaj kaj poste ŝtoniĝintaj en fortikaj politikaj strukturoj, kiujn estis gardantaj potenca arsenalo de atom-kaj hidrogenaj bomboj.

· · · · · · · ·

Estas jam klare al ĉiuj, ke la ĉefa diferenco ne plu kuŝas inter kapitalista okcidento kaj la socialista oriento, sed inter la industria kaj riĉa norda hemisfero kaj la subevoluinta kaj malriĉega suda hemisfero.

· · · · · · · · ·

La konata psikologo Claude Piron, kiu dum jaroj laboris por internaciaj registaraj organizaĵoj, skribis pri jena fakto. La monda San-Organizaĵo en 1975 rezignis, pro manko de mono, je kampanjoj kontraŭ la lepro kaj la blindeco sed samtempe akceptis du pliajn lingvojn, la araban kaj la ĉinan, je kosto de 5 milionoj da dolaroj jare. Tiu sumo estas sufiĉinta por savi de la blindeco dek milionoj da trakom-malsanuloj en Afriko.

La supra epizodo montras ke la monda lingva problemo naskis situaciojn, kiuj jam eliras el la ĝisnunaj limoj de stulteco por eniri la kategoriojn de frenezeco, se ne de maletiko kaj eĉ de krimo.

· · · · · · · ·

Dum aliaj parolas pri internacia homa integriĝo, ni silente jam realigis tiun integriĝon de jardekoj. Kiam ni uzas Esperanton, ni detruas ĉiujn psikologiajn barojn, ni masonas novan kulturon, novajn sentojn.

La utopiistoj ĉirkaŭ ni daŭre elpensas novajn komplikaĵojn: Ili revas pri komputila tradukado, pri satelita interpretado. Ni lasu ilin revi. Ni estas la realeco: ni reprezentas la estonton.

**Mi volas nun aldoni kelkajn konsiderojn pri nia Movado.**

## PROKSIMAJ KAJ MALPROKSIMAJ TASKOJ

Por pravigi sian ekzisto-rajton kaj havi kontentigan ŝancon de sukceso, movado devas posedi propran, nete difinitan idealon, al kiu ĝi strebu per ĉiuj fortoj. La vojo por ĝia plenumo povas esti longa kaj peniga, tamen ĝin persiste aliras generacio post generacio de samcelanoj.

. . . . . . . .

La sukceso de tiu ĉi metodo dependas de du faktoroj: 1-e de la realeco de la objektivoj fiksitaj je proksima, meza kaj malproksima tempolimo; 2-e de la taŭgeco de la strategio kaj taktiko ellaboritaj por ataki kaj venki la obstaklojn.

La supre skizita universala skemo aplikiĝas ankaŭ al la Esperanto-Movado. La idealo de ĉi-lasta estas konata jam de preskaŭ unu jarcento ĝi klare aperas en la Deklaracio de 1905: **doni al la homaro neŭtralan instrumenton de interkompreniĝo, kiu —sen malhelpi la naciajn lingvojn en ilia nacia rolo — forigu la lingvajn barojn en ĉiaj interhomaj rilatoj kaj sekve akcelu la progreson de la scienco, tekniko kaj kulturo, kaj la disvastiĝon de humanecaj sentoj inter la loĝantoj de tiu-ĉi planedo.** Ĉio tio, esprimita per modernaj konceptoj, signifas la forigon de la nuna lingva diskriminacio en la internaciaj rilatoj, la finon de la lingva kaj kultura koloniismo de unu aŭ kelkaj lingvoj super la aliaj, kaj, sekve, akcepton de la principo de jura kaj faka egaleco inter ĉiuj lingvoj. Akcelante la suprajn idealojn, la Esperanto-Movado simple transprenis parton de la principoj de la Unuiĝintaj Nacioj, kiaj solene aperas en ĝiaj Ĉartoj kaj Deklaracio pri la Homaj Rajtoj.

. . . . . . . .

Ŝajnas do utile analizi hipotezojn. Sed, premise, necesas emfazi la internacian karakteron de la internacia lingvo. Esperanto ne venkos pro siaj sukcesoj en unu loko aŭ unu lando, sed pro sia lingva maturiĝo kiel taŭga esprimilo de internacia komunumo, pro sia praktika disvastiĝo kaj utiligo en tutmondaj rilatoj.

La lokaj —naciaj kaj urbaj— Esperanto-societoj estas centroj de komunaj laboroj, ĉefe de studoj, de reciproka informado, de disradianta propagando kaj de instruado. Ili estas fokusoj, kie la fortoj renkontiĝas kaj potenciĝas. Sed, Esperanto kiel lingvo kaj movado, vivas nur internacie, per korespondado, interŝanĝado de ideo kaj scioj, personaj kontaktoj dum vojaĝoj kaj kongresoj, legado de gazetoj kaj libroj, faka agado.

Persono, kiu ne utiligas praktike kaj internacie la lingvon, ne estas esperantisto, sed nur simpatianto aŭ amiko de Esperanto.

. . . . . . . .

Ĉar pri la sorto de Esperanto laste devos decidi la politikaj aŭtoritatoj —kaj en nia kazo temas speciale pri la Parlamentoj, ĉar ili havas la povon de leĝfarado— la strebado de tiu-ĉi Movado devus koncentriĝi al plugado de la parlamenta grundo ĉie.

Konkreta paŝo estus enketi, en kiel eble plej multaj landoj, pri la sinteno de la deputitoj, rilate al la lingva demando, aparte dum la periodoj de elekto-kampanjoj, kiam la partiaj kandidatoj malavare eldiras deklarojn por veki simpation kaj kolekti voĉojn. Tion logike sekvus la starigo de esperantista Parlamenta grupo kaj la prezento de leĝo-projekto pri la internacia lingvo.

Necesas memori, ke la parlamentaj grupoj jam ekzistas en kelkaj landoj: la brita kaj la itala unuigas po pli ol 90 parlamentanojn.

. . . . . . . .

Por konvinki la mondon pri la seriozeco de niaj ideoj ni devas konduti serioze. Ni ambicie flegu en niaj vicoj kaj, ĉefe, en ĉiuj niaj eksteraj sinprezentoj, kiel eble altajn klerigajn programojn. Laŭ tiu-ĉi vojo ni donos al la membraro la konscion kaj fierecon aparteni al reputacia movado, allogos al niaj vicoj novajn valorajn batalantojn kaj konvinkos la publikan opinion, ke la Internacia Lingvo meritas ĉies respekton.

Per la antaŭaj konsideroj, kiujn mi lasas al via medito, mi finas mian senpretendan paroladon kaj deziras, ke la nuna kongreso signu la renaskiĝon de la hispana movado.

**GIAN CARLO FIGHIERA**

# SEMINARIO, «ESPERANTO EN LA LERNEJON»



**La publiko atente sekvas la debatojn**

Sub la prezidanteco de s-ano Francisco Zaragoza, delegito-ĉefo de I.L.E.I por Hispanujo, komenciĝis la tiel nomata Seminario «Esperanto en la lernejon», kiu konsistis el tri komunikoj.

Unualoke prezentis sian disertacion, s-ano Alonso Núñez, el Santiago de Compostela. S-ano Alonso, profesoro pri matematiko en la universitato de tiu urbo, entuziasme eksponis la lastajn atingaĵojn de la Esperanto-Movado en Santiago kaj en La Coruña. Verŝajne, li diris, ekzistas nuntempe tre favoraj kondiĉoj por la instruado de Esperanto en la lernejoj de la menciitaj urboj. Por s-ano Alonso la enkonduko de Esperanto en la lernejojn baziĝas en du konkretaj punktoj. La unua «krei» kompetentajn Esperanto-profesorojn; la dua, konstante peti al la koncernaj instancoj la enkondukon de Esperanto en la lernejojn. Li aldonis: por la venonta jarkurso, respondeculoj de lernejoj sciigis min, ke ili oficiale akceptus la instruadon de Esperanto en siaj lernejoj, se oni disponus al ili minimume ok profesorojn profesiajn de Esperanto. Bedaŭre, konkludis nia entuziasma galega samideano,mi ne povos plenumi la dezirojn de tiuj lernejestroj pro manko de kompetentaj instruistoj de Esperanto en nia landa movado.

Duavice intervenis d-rino Rafaela Urueña, Prezidantino de H.E.F. Nia samideanino profesie juristino, analizis la enkondukon de Esperanto, laŭ juraj vidpunktoj, en la lernejojn, surbaze de la nunaj jam ekzistantaj legoj. Ŝi apogis sian prelegon sur la deklaracioj de la plej gravaj internaciaj institucioj. Estas evidente, ŝi diris, ke ĉi tiuj deklaracioj rajtigas ĉiun homon paroli sian lingvon, spite al tio, ĉu ĝi estas multnombre parolata aŭ ne. Neniu devas altrudi sian lingvon al aliaj. La lingva diskriminacio kaj tio kio estas konata sub la nomo de lingva imperiismo ne plu estas tolerablaj. Ŝi legis kelkajn paragrafojn de la menciitaj deklaracioj, en kiu oni evidentigas la neceson de Internacia Lingvo por plej bonaj rilatoj inter la popoloj. Sed por atingi ĉi tiun stadion de lingva interkompreniĝo, ŝi aldonis, estas urĝa kaj necesa la enkondukon de Esperanto en la lernejojn, ĉar fakte estas neniu lingvo, kiu povas anstataŭi Esperanton.

Lastavice prezentigis antaŭ la aŭskultantaro, s-ano Juan Carlos Ruiz, Prezidanto de L.K.K. Nia juna samideano, studento, en bela parolmaniero kaj bonega posedo de la lingvo, analizis la laborojn de la E-Grupoj kiel lernejoj de la lingvoj. La problemoj prezentitaj de nia s-ano Ruiz estas ja malnovaj kaj debatitaj en ciu kongreso: La funkciado de la Grupoj, la altiro de lernantoj, la instruado de la lingvo, la reteno de tiuj lernantoj, kiuj finas la kurson, la posedo de lingvo k.t.p. estas temoj tre konataj sur kiuj turniĝas nia tuta Esperanto-Movado. Sed kiam tiuj vortoj venas de juna kaj entuziasma homo, ili reakiras gravan signifon, ili estas atesto, ke Esperanto daŭre vivos. Por fervorigi la ĉeestantan esperantistaron, li ekzemple menciis la laboron de la lastaj jaroj en Madrido, kie nuntempe ekzistas kaj funkcias ok grupoj de esperantistoj.

Estas evidente, ke la Seminario vekis la atenton de la esperantistaro. Almenaŭ teorie oni prezentis solvojn aŭ rimedojn por akceli la venkon de Esperanto. Tio grave estas, ĉar la entuziasmon, kiu regas dum ĉiu kongreso oni apliku ĝin praktike dum la restantaj jartagoj.

**LUIS SERRANO PEREZ**

**Resumo de la esperantlingva prelego**

# MULTKOLORA KOSMO, GRIZA ĤAOSO

Laŭ mia profesio, kiel matematika statistikisto, min interesigas kelkaj konceptoj antonimaj aŭ komplementaj, kiel **populacio** kaj **specimeno, ordo,** kaj **malordo, antaŭvideblo** kaj **neantaŭvideblo.** Rilate al tiuj jus menciitaj estas la ideoj de **kosmo** kaj **ĥaoso**.

---

En kelkaj filozofioj kaj religioj, oni distingas inter la granda kosmo, aŭ makrokosmo, kaj la malgranda kosmo aŭ mikrokosmo. La granda kosmo entenas unuojn, kiuj sia vice estas ankaŭ kosmoj, la malgrandaj. La korespondo inter ambaŭ, establita kiel misterio de la sen-morteco en la hinduismaj Upaniŝadoj, estas certa identeco inter la Brahmano, kaj la Atmano, kompendio kaj reflekto de la Brahmano. Ankaŭ en la grekaj filozofoj, kiel oni povas vidi en la vortaro de Ferrater, en bona artikolo pri tiu ĉi temo, troviĝas ambaŭ konceptoj. Alano de Lille, de la skolo de Chartres, influita de la Libro pri Kaŭzoj, de araba origino, faris latine, la sekvantaj versojn:

De l'mondo ĉiu kreaĵo
kiel libro kaj pentraĵo
spegulo estas.

Nia vivo, nia morto,
nia stato, nia sorto
fidel-signo restas.

---

En nia animo ni havas la aspiron al harmonia kosmo, sed perpleksaj aŭ konsternitaj ni rigardas sensencon, perforton, katastrofon, nebulajn perspektivojn. En ĵurnaloj kaj ĉiu specaj mas-informiloj ni povas ekzemple legi ke la nunaj militaj elspezoj estas de unu miliono de dolaroj, ĉiu minute: ke sur ĉiu homa kapo pendas ne simbola glavo de Damoklo sed tunoj de la plej modernaj eksplodiloj.

---

Multaj estas la aŭtoroj kiuj kiel la Ŝekspira Macbeth rigardas kun pesimismo kosmon kaj estontecon. Koestler, en sia libro «Lanuso» diras: «ni havas satelitojn kiuj povas transdoni mesaĝon al la tuta homaro, sed mankas komuna lingvo. Strange ke ekscepte de kelkaj kuraĝaj esperantistoj neniu monda organizo pritraktas tiun temon».

---

Tia estas nia racia espero, la espero de la diverslandaj esperantistoj. Dume, favorante unuecon kaj samtempe individue laborante kiel iam skribis saĝa kaj sankta propagandisto: «Prediku la vorton, insistu ĝustatempe, malĝustatempe; konvinku, admonu, konsilu en ĉia pacienco kaj instruado». (Dua letero al sia disciplo Timoteo; 4, 2). Tiuj linioj estas direkte aplikebaj al nia diligenta kolegaro.

Kiam mi vidis la bildojn de Pollando, mi memoris la versojn de d-ro L. L. Zamenhof, en la romantika epoko de la poezio en la I. L.: «L'espero, l'obstino, kaj la pacienco...».

**FRANCISCO AZORIN**

# FAKAJ KUNVENOJ

En la kadro de la XL-a Hispana Kongreso de Esperanto, okazis kunsidoj de diversaj Fakaj Sekcioj aŭ Organizoj, la 22-an de julio, kun sufiĉe kontentiga nombro da partoprenantoj; Jen la raportoj de tiuj fakaj kunvenoj skize prezentataj:

**I.L.E.I.** (Hispana Sekcio de la Internacia Ligo de Esperantistoj Instruistoj).

Sub prezido de S-ro Francisco Zaragoza. kunvenis je la 10-a matene granda nombro da membroj de I.L.E.I. Unue, S-ro Zaragoza prezentis la tutan planagadon de la lernojaro 1979-80-a, kaj la laste eldonitaj broŝurojn kaj materialon. Li reliefigis la tre gravan apogon ricevita post la E-Renkontiĝo de la Orienta Regiono, de la Katedra Prof. D-ro Serna, Direktoro de la I.C.E. kaj la postajn rilatojn inter I.L.E.I. kaj tiu institucio. S-ro Alonso Núñez, Prof. en Santiago de Compostela, agnoskis ke, por ke la peto rilate la enkonduko de Esperanto en la instruajn mediojn estu rekonata oficiale, per diplomo, same la angla kaj la franca lingvoj, estas necese kunigi tiun agadon laŭ la planado de I.C.E. kaj la nova organizado de la Ministerio pri Edukado.

Poste S-ro Zaragoza informis pri la grava kunlaborado inter I.L.E.I. kaj H.E.F. dum la lasta jaro, speciale rilate la komunan informadon kaj la korespondaj kursoj.

Oni traktis ankaŭ la temon pri la ebla kreado de Parlamenta Grupo, kaj la ebla sendo de enketilo al la diversaj regionaj kaj naciaj parlamentanoj, por koni ilian sintenon rilate Esperanto. Kelkaj ĉeestintoj opiniis ke la momento por sendi la enketilon ne estas ankoraŭ taŭga, kaj estus pli konvena trakti la aferon nur per la regionaj parlamentanoj. S-ro Zaragoza informis ke la Eŭropa Parlamento atendas reagon de ebla parlamenta grupo en Hispanio, kaj en tiu senco ni devas labori.

Post fruktodona interŝango da opinioj, finis tiu kunsido, en kiu partoprenis la Prezidantino de H.E.F. S-ino Urueña.

**H.E.F.A** (Fervojista Sekcio de H.E.F.)

Sub prezido de S-ro Ramón Giménez Feliú kunvenis tiu sekcio. por trakti la situacion de la asocio. kaj fakajn aferojn.

La Prezidanto informis ke la membroj de la Asocioj nuntempe estas 240, apertenante 200 el ili al H.E.F. kiel kolektivaj membroj.

La fakaj aferoj traktitaj ne prezentis problemojn, kaj la Prezidanto informis ke dum la venonta aŭtuno oni intencas eldoni flugfolion hispanlingve pri la lernado de Esperanto, kun la celo disdoni ilin en la ĉefaj riparejoj kaj deponejoj de «RENFE». La ebla kvanto de tiu flugfolio estos 5.000 ekzempleroj.

En tiu kunveno partoprenis la Vicprezidanto de H.E.F. S-ro Díez García.

**H.E.A.«Antón Balagué»**. Tiu Asocio kunvenis sub prezido de S-ro Luis Serrano Pérez, je la 11-a matene, en la sama kadro ol la antaŭe menciitaj sekcioj, tio estas en la Supera Lernejo pri Minoj (Kongresejo).

Oni traktis la aprobon de la Statutoj, financajn aferojn speciale la pliALtigo de la kotizo por 1981, agadon pri libroservo kaj biblioteko, kunlaboradon en la bulteno kaj en «Paco» kaj la rilatojn kun M.E.M. kaj H.E.F.

Je la fino, post fruktodona interparolado, oni rezoluciis daŭrigi nian pripacan laboron, subteni ĉiujn principojn de la Monda Packonsilio, esti atentaj pri la Konferenco pri la Sekureco kaj Kooperacio en Eŭropo, okazonta en Madrid ĉijare kaj apogi ĉiun pripacan laboron.

# NOVA ESTRARO DE H.E.J.S.



**Carlos Aragay, Ana María Ranero kaj Carlos Moya, novaj estraranoj de H.E.J.S.**

Dum la 40-a Hispana Kongreso de Esperanto, okazinta en Madrido, la kunvenintaj gejunuloj organizis denove la Junularan Sekcion de HEF, je la nomo de HEJS (Hispana Esperanto Junulara Sekcio). Jen la aprobitaj konkludoj en la ĝenerala kunveno de HEF.

a) Ĉiuj HEF-anoj (nepre malpli al 25-jaroj) estas anoj de HEJS, pagante la saman kotizon, tio estas, 500 pesetojn.
b) Ĉiuj HEJS-anoj ricevos la bultenon de HEF, Koncize HEJS-Juneco, kaj aliajn junularajn informilojn.
c) Por subteni la koston de la junula agado, Koncize kaj HEJS-Juneco, 35 procentoj de la jara kotizo estos por la kaso de HEJS.
d) Subtenantoj de HEJS, abonos nur al la bultenoj Koncize kaj HEJS-Juneco pere de la kotizo da 250 pesetoj jare.
e) La sidejo de HEJS estos en: Carreras Candi, 34-36, Barcelono-28. T-no 2402662.
f) Kaj jen la nova elektita HEJS-estraro:
Prezidanto: Jordi Ferré (Barcelono).
Vicprezidantino: Ana María Ranero (Logroño).
Sekretario: Salvador Guillermo (Barcelono).
Vicsekretario: Francisco Miguel Muñoz (Murcio).
Kasisto: Carlos Aragay (Barcelono).
Redaktoro HEJS-Juneco: Carlos Moya (Valencio), kiu ankaŭ estas la reprezentanto en TEJO.

Ni esperas fari grandan laboron kaj allogi multajn gejunulojn al HEJS. Tiu estas nia sinceran deziro.

**ANA MARIA RANERO**

# Raporto pri la a
# Estraro dum l
# 1-a de julio 1
# de jun

Okaze de la nuna Hispana Kongreso de Esperanto, oni prezentas antaŭ vi la raporton pri la plenumita agado de la HEF-estraro, dum la periodo supre menciita. Fakte kaj tion vi mem povos konstati laŭ tiu ĉi raporto, HEF bone progresis en pluraj kampoj, kvankam ni mem konscias ke ankoraŭ restas multe da laboro farinda kaj farenda. Tamen por atingi pliajn bonajn sukcesojn, nepre ni necesas la kunlaboradon de ĉiuj grupoj, fakaj sekcioj kaj eĉ individuaj membroj.

Pri la 39-a H.E.K. okazinta en Gijón, vi jam scias pri ĝia sukceso dank'al la raporto siatempe aperinta en «BOLETIN»: bedaŭrinde, tia sukceso ne produktis, kiel eble oni povus supozi, financan profiton, sed kontraŭe tiu kongreso finiĝis kun grava deficito malgraŭ la klopodoj de la entuziasmaj membroj de la L.O.K. de Gijón kaj de la kontentiga nombro da gepartoprenantoj.

En tiu H.E.K., unu el la plej tiklaj punktoj estis la ne regula aperado de «BOLETIN». Pri tio oni multe parolis tien kaj ni opiniis ke ne konvenas ripeti tion denove. Tamen, permesu al ni diri ke post la okazo de la Gijón Kongreso, kaj post persona interparolado, entuziasma kaj kompetenta samideano kiel estas s-ro S. Gumá kunlaboras kun la redakcio en la korektado, gramatike kaj stile, de la artikoloj aperontaj.

Ankaŭ ni sukcesis ekde la komenco de la nuna jaro ke «BOLETIN» aperis regule, t.e. nun, estas jam dissenditaj la tri numeroj al ĉiuj membroj kaj abonantoj, kaj ni esperas ke la ekzempleron julio-aŭgusto vi ĉiuj ricevos post la ĉijara kongreso. Alia grava atingo estas ke ekde la nuna jaro «BOLETIN» estas dissendita pere de «Franqueo Concertado», tio signifas ŝparon da laboro kaj mono.

La vendado da libroj kaj aliaj esperantaĵoj estas kontentigaj kaj tio spegulas la bonan funkciadon de la servo. Pri la profito atiginta pasintjare, la libroservanto informis vin, kaj dum ĉi jaro, pro diversaj cirkonstancoj, ni estas certaj ke tiu profito plialtiĝos. La vendado de libroj al personoj ne aliĝintaj al HEF multe kontribuis al la sukceso de tiu —ĉi servo. Laŭlonge de la periodo pri kiu ni nun parolas, estis eldonita katalogo kaj nun estas en preparo, alia pli ampleksa kaj varienhava.

Dum ĉi periodo okazis pere de diversaj radioj, ĉu lokaj, ĉu naciaj, diversaj programoj, kiuj parte aŭ plene rilatiĝas pri Esperanto kaj tio same okazis en la televido kaj gazetaro. Konsekvence ni povas sen troigo aserti ke la intereso pri Esperanto estis grandega, ricevinte en nia HEF-oficejo pli ol 1.000 leterojn kiuj petis informojn, pri HEF kaj la lingvo internacia, plie multaj ĵurnalistoj vizitis nin por fari raportojn kaj intervjuojn. En tiu ĉi kampo tre aktive laboris la membroj de Madrida Esperanto Liceo, kiuj ĉiam ĝustatempe informis nin. Dank'al kies klopodoj oni informis pri Esperanto pere de la jenaj naciaj radioprogramoj: «Medianoche» de la radioĉeno S.E.R., «Protagonistas, Nosotros», de R.N.E., k.t.p. ankaŭ pere de la televidaj programoj «Gente hoy», «Gaceta cultural» kaj aliaj, kie informis detale kaj ampleksе pri Esperanto.

Konsekvence de tiu agado, estis necese eldoni informajn foliojn kaj tiucele HEF eldonis du. Unu enhavante la adresojn de ĉiuj E-grupoj, aliĝintaj aŭ ne al HEF kaj alia enhavas nur utilajn informojn rilate Esperanto kaj en la fino estas libera spaco por ke ĉiu povu tien stampi sian propran adreson. De ambaŭ broŝuroj eĉ ni sendis ilin eksterlande kaj al UEA laŭ peto.

# ...ado de la HEF-
# ...periodo de la
# ...79, ĝis la 30-a
# ... 1980

HEF kunlaboris laŭ sia ebleco, kun la hispana sekcio de I.L.E.I. kaj frukto de tiu kunlaborado estis la publikigo de diversaj informoj pri la agado de tiu sekcio en «BOLETIN» kaj la publikigo de la adreso de hispana sekcio de I.L.E.I., en unu el la informaj broŝuroj de ni eldonitaj. Siaflanke la hispana sekcio de I.L.E.I., aperigis la adreson de HEF en la plej granda parto de siaj eldonaĵoj. Ni esperas kaj deziras ke tiu kunlaborado daŭrigu kaj ampleksigu en venonta estonto.

Nia junulara sekcio, HEJS, pro demisio de la antaŭa estraro, funkciis laŭ tre kurioza metodo, sen estraro, kelkaj entuziasmaj gejunuloj kapablis eldoni monatan revueton sub la nomo «JUNECO» kaj eĉ organizi kampadejon en Gandía (Valencio). En la agado de tiu junularo ni devas elstari la nomon de s-ro Carlos Moyá Seguí juna valenciano. Kiel adreso por HEJS funkciis la sidejo de HEF.

La eldona fako, sub la gvidado de s-ino Inés Gastón, prezentis en la kongreso de Gijón la lastan eldonitan libron, titolitan «La 18-aj Internaciaj Floraj Ludoj okazintaj en Tortosa». Ni sugestas al ĉiuj aĉeti librojn eldonitajn de nia eldona fako, ĉar nur tiel eblas eldoni novajn titolojn.

La hispana Esperantista Fervojista Asocio H.E.F.A. daŭrigis siajn aktivaĵojn, ĉiam interesaj kaj delegis reprezentantoj al pluraj kongresoj inter ili la I.F.E.F.-kongreso okazinta en América (Nederlando).

Kiel pasintjare dum la nuna jaro la Prezidantino kaj Sekretario de HEF, profitis ĉiujn okazojn por interparoli kun la E-grupoj; la lastaj vizitoj estis nome: la E-grupoj de Madrido kie oni traktis ĉefe pri la organizado de la nuna H.E.K., Zaragozo kie ili partoprenis en la aranĝo organizita de la tiea E-grupo por omaĝi sian Prezidanton kaj samtempe Honoran Prezidanton de HEF, d-ro Miguel Sancho Izquierdo okaze de lia 90-a naskiĝdatreveno, kaj samtempe la Prezidantino de HEF prelegis hispanlingve pri «Esperanto, ilo de internacia kulturo». Ankaŭ vizitis Bilbaon okaze de privata vizito kaj interparolis kun membroj de la Bilbao Esperanto Grupo.

Antaŭ ol fini,oni devas mencii alian partoprenon en la Esperantista Renkontiĝo okazinta en Murcio kie ni plezure kontaktis kun entuziasmaj kaj junaj esperantistoj.

Samtempe okazis aliaj renkontiĝoj: en Buñol (Valencio) kie s-ro S. Aragay ĉefredaktoro de «BOLETIN» reprezentis HEF-n, kaj en El Ferrol kie S-ro Julio Bueno estis la reprezentanto de HEF. Pruvante tion ke Esperanto, feliĉe vivas kaj progresas.

Unu el la plej gravaj deziroj de la HEF-estraro estas utiligi la oficejon, kiun ni posedas en Madrido, tiucele la HEF-estraro kontaktis kun pluraj madridaj esperantistoj kaj nomumis s-ron Enrique Pérez Estévez sia reprezentanto kaj esperas ke tiu oficejo estu utila por la disvastigo de Esperanto kaj por la propra HEF.

Fine, ni deziras konvinkigi vin ke HEF necesas la aliĝon de novaj membroj, nur tio, sen kroma elspezo flanke de la organizo, permesos plibonigi la ekonomian situacion kaj realigi pliajn ideojn, kiuj nun pro manco da necesaj financaj rimedoj ni ne povas realigi ilin. Tiel do, kun via helpo ni esperas atingi la ciferon «900» abonantojn ĉi jare.

**La Sekretario,**
**LUIS HERNANDEZ GARCIA**

# Vizito de membroj de ilei kaj instruantoj de Esperanto al la Konferenco de la Freinet-Edukistoj en Madrido

Profitante la fakton ke la Freinet-Edukistoj kunvenis en Madrido dum la sama tagoj de nia Esperanta Kongreso, grupo da profesoroj kaj instruantoj de Esperanto, vizitis la Freinet ekspozicion, estante ĝentile akceptitaj kaj interparolante pri niaj celoj.

La ekspozicio-materialo kovris la murojn de sufiĉe ampleksa ĉambro, kaj temis nur pri materialo de la Esperanto-komisiono de la Freinet-Movado.

Laŭ informoj al ni donitaj, la instrusistemo estas la jena: La instruist(in)o parolas al siaj gelernantoj pri alilanda lernejo kiu deziras interŝanĝi kun ili diversajn spertojn. Se ili trovas interesa tion, kaj se ili tion deziras, la gelernantoj skribas leteron, informojn, rakontetojn k.t.p. en sia propra lingvo. La instruist(in)o tradukas esperanten, kaj sendas al alia lernejo, kaj tiu ĉi reciprokas. Tio provizas bazon por libervola interesigo de gelernantoj pri Esperanto, kaj la okazon por kontakti la unuajn vortojn de Esperanto. La tuta procezo okazas laŭ similaj libervolaj vojoj. Problemoj pri bezonata tempo por sukceso tute ne ekzistas interne de movado kies celoj estas la formado de gelernantoj laŭ ilia propra evoluo kaj liberaj decidoj. Ni trovis la komisionon modele bone organizita, kaj el ĝi ni povus tiri konkludojn profitajn por nia agado.

Ili eldonas kvaronjaran multobligitan revuon, kies 1980 junia numero ampleksas 36 paĝojn kun varia kaj surprize bona enhavo.

Resume: Estis por la subskribinto vere surpriziga ĉion kion li tie trovis. Plej evidente, nur geinstruistoj interesiĝantaj pri la Freinet-movado aŭ laborantaj en ĝi, povas vere tiri plenan profiton el tio, kion la komisiono prezentas, sed evidente ankaŭ, ĉiu interesiĝanto pri instruado de Esperanto nepre devas studi la kajerojn kaj rezultinformojn kiujn la komisiono eldonas.

**A. ALONSO NUÑEZ**

---

# Jen la rezulto de la ekzamenoj okazintaj en Madrid dum la 40-a Hispana Esperanto Kongreso

**ELEMENTA DIPLOMO**

| | |
|---|---|
| Juan Fontecha | Elstara |
| Angel Arquillos López | Elstara |
| Carlos Moya Seguí | Superelstara |
| Alejandro Montero Carpintero | Bona |
| Angel López Ramos | Bona |
| Ana María Ranero Antolín | Bona |
| Francisco Muñoz Garre | Superelstara |
| Henar Pérez Poza | Elstara |
| Ramón Martí Sanz | Elstara |
| Enrique Pardo Pérez | Elstara |
| Abel de Almeida Freire de Oliveira | Elstara |
| Juana Vallejo Vallejo | Elstara |
| Jean Beauplet | Superelstara |
| Miguel Angel Sancho Pardo | Elstara |
| Jorge Luis Bayón Domínguez | Elstara |

**SUPERA DIPLOMO**

| | |
|---|---|
| Juan Fontecha Soto | Bona |
| Carlos Moya Seguí | Elstara |
| Francisco Muñoz Garre | Superelstara |
| Francisco Aliaga Rocafull | Bona |
| Petro Sevilla Martínez | Elstara |
| Angel Arquillos López | Elstara |
| Miguel Sancho Pardo | Bona |
| Ramón Fernández Jurado | Superelstara |

# Artaj aranĝoj dum la Hispana Kongreso



La romia akvedukto de Segovia. (Foto C. Alvarez.)

La entuziasma kaj juna L.K.K. preparis por la gekongresanoj tre interesan kaj varian distran programon. Tiel, jam dimance, ni ekskursis, tute senpage, al Aranjuez kie ni vizitis la belan reĝan palacon, antikva restadejo de la reĝoj apartenantaj al la Borbona dinastio, kaj la t.n. «Casita del Labrador» (Dometo de la kamparano) ĉarma palaceto enhavante variecon da porcelanaĵoj kaj tablhorloĝoj.

Vespere, en la universitata restadejo «San Juan Evangelista», la kongresanaro ĉeestis arta vespero dum kiu la nelaceblaj l.k.k.-anoj prezentis la pupteatraĵon «Mi obeas mian edzinon», de Eloísa Solís, kaj tradukita esperantlingve de S-ro Pedro Vilaroig. Tiu simpla pupteatraĵo gojigis nin ĉiuj.

Lunde, S-ro Korniluk, el Pollando, prezentis al ni interesajn lumbildojn pri la lokoj kie Zamenhof vivis, kun esperantlingva komentario.

Fine, la 24-an de julio, okazis la tuttaga ekskurso al SEGOVIA, urbo situata je 87 k-moj de la hispana ĉefurbo, enhavante vizitindajn artmonumentojn. Post afabla akcepto de la urbestro de Segovia, oni vizitis la **Alkazaron,** kies internaj ĉambroj ni vidis detale dank'al klarigoj de turista gvidanto. Poste, ĉiu partoprenanto povis libere viziti aliajn monumentojn, kiel **la Katedralo,** kromnomata «La amatino de la hispanaj katedraloj» pro la svelteco kaj beleco de ĝiaj arkitektaj formoj, konstruita dum la XVI-a jarcento; la **Akvedukto,** konsistanta el 167 arkaĵoj granitŝtonaj, kaj starigitaj en la dua duono de la unua jarcento de nia erao. Ĝi estas eterna atestilo de la romia epoko en nia lando. Ankaŭ oni povis viziti la romanikajn preĝejojn Sankta Marteno, Sankta Estefano, Sankta Andreo, k.t.p.

En Segovia ĉiuj geamantoj de la kuirarto povis ĝui manĝante la tipan rostitan porkideton.

Dum la kongrestagoj, oni havis eblecon viziti senpage la mondfaman Muzeo Prado, kiu ege plaĉis al ĉiuj vizitantoj.

Tiel, ĉar la kongresoj bezonas krom la serioza laboro, guteton da distra programero, ni povas aserti ke la XL-a H.E.K. sukcese plenimus tiun taskon.

**KONGRESANO**



Grupo de gekongresanoj antaŭ la enirejo de la Alkazaro

## NOVAJ HONORAJ MEMBROJ DE H.E.F.

# OMAĜE

**D-ro RAFAEL FIOL PAREDES,** generalo inspektoro pri sano, naskiĝis en Ceuta la 5-an aprilo de 1891 kaj li konatiĝis kun esperanto en 1910, kaj jam tiam li membriĝis en UEA, kies Delegito en Sevilla li ankoraŭ estas. Kaj ne nur tio, li estas verŝajne la plej maljuna UEA-Delegito en Hispanujo. Krome, li apartenas al Veterana Klubo kaj kompreneble al Hispana Esperanto-Federacio.

**TRINIDAD SORIANO,** arkitekto kaj konata sevilja pioniro de Esperanto instruis al li la internacian lingvon en 1910. Tio signifas ke li nunjare celebras sian 70-jaran ekkontakton kun Esperanto kaj krom liaj klopodoj por diskonigi nian lingvon kaj kunlaboron kun la sevilja esperantistaro, li verkis artikolojn pri kaj en Esperanto en diversaj revuoj kaj gazetoj naciaj; tamen, mi deziras aparte emfazi lian altvaloran donacon por la Biblioteko de nia Federacio. Li, kune kun alia pioniro, S-ro Carlos Martínez Fernández, donacis preskaŭ 300 librojn en Esperanto eldonitaj plejparte inter la jaroj 1904 kaj 1912. Kompleta listo de tiu donaco aperis en la HEF-organo (**Boletín**, nº 48 (184), marzo-abril 1971).

**JUAN AZCUENAGA VIERNA**

**MARIANO CANTALAPIEDRA NIETO,** naskiĝis en Valladolid, sed li lernis Esperanton en Oviedo, kie li tiam loĝis, pere de kurso dissendita de Radio Asturias la jaron 1927. En la sama urbo li perfektiĝis sia scio de la internacia lingvo partoprenante en kursoj de Esperanto okazintaj en la Ateneo. Poste, kun sia familio, li translokiĝis al Valladolid kie, pro profesiaj kialoj, sia esperantista aktiveco iomete stagnis, sed okaze de Internacia Kongreso de «Pax Christi» li havas eblecon kontaktigi kun pluraj gesamideanoj, kiuj partenoprenis en la menciita Kongreso okazanta en Valladolid, kaj tio kuraĝigis lin denove aktive agadi por Esperanto. Li klarigis dum pluraj jaroj elementajn kursojn de Esperanto per Radio Valladolid kaj estante li mem la Prezidanto de «Círculo Católico de Obreros y Empleados» li komencis gvidi kurson la jaron 1959 kaj pro la fakto ke en Valladolid ne ekzistis E-Grupo kun la gelernantoj de tiu kurso, kiuj entuziasme akceptis la ideon, oni fondis la Grupon «Fido kaj Espero».

Dum la jaroj kiam la sidejo de la Grupo estis en «Círculo Católico», S-ro Cantalapiedra kun granda entuziasmo kaj plendediĉo gvidis kursojn de Esperanto kaj dank'al li multaj el la nunaj aktivuloj de Valladolid eklernis Esperanton.

En la jaro 1962-a okazis en Valladolid, la 23-an H.E.K. kaj tiam S-ro Cantalapiedra okupis, efike kaj aktive, la sekretarian postenon.

En 1966-a j. kaj okaze de la «Zamenhofaj Festoj» la membroj de la Grupo «Fido kaj Espero» omaĝis lin pro sia multjara aktiveco. Okaze de tia meritita omaĝo li ricevis gratulleteron de la tiama H.E.F.-Prezidanto D-ro Sancho Izquierdo.

En 1974 li estis Prezidanto de la O. K. (Organiza Komitato) de la XXXIV-a Hispana Esperanto Kongreso okazinta, sukcese, en Valladolid.

Dum pluraj jaroj S-ro Cantalapiedra estis estrarano de H.E.F.

Niajn novajn Honorajn Membrojn, ni kore gratulas.

**L. HERNANDEZ**

## Al la 40-a Hispana Esperanto Kongreso aliĝis la jenaj Grupoj:

Liceo Madrileño de Esperanto
Esperanto Fako del Fomento Martinense
Astura Esperanto Asocio
Esperanto Grupo de Moya
Esperanto Fako Juventud Tarrasense
Grupo Esperantista de Alicante
Grupo Esperantista «Fido kaj Espero» de Valladolid
Grupo Esperantista «Paco kaj Amo» de Vigo
Centro Esperanto Sabadell

---

# MEMORAĴOJ DE LA HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

| | |
|---|---|
| Ŝlosilujo kun emblemo de la kongreso | 60 p-toj |
| Bildkarto de la kongreso | 10 p-toj |
| Kongreslibro | 70 p-toj |
| Algluaĵoj kun emblemo de la kongreso (10) | 25 p-toj |
| Koverto kun emblemo de la kongreso | 5 p-toj |
| Koverto kun memoriga estampilo | 25 p-toj |
| Bildkarto kun memoriga stampilo | 25 p-toj |

Mendu tuj la kongresan materialon al Libroservo de H.E.F. Dos de Mayo, 4. VALLADOLID.

---

# DONATIVOS RECIBIDOS

| | Pesetas |
|---|---|
| Suma anterior | 13.900 |
| Julián L. Morales | 200 |
| Jan Schoon | 100 |
| José Cerezo Pérez | 56 |
| Víctor Ortiz Gratal | 700 |
| José Luis Bringas Tellechea | 500 |
| Faustina Martínez | 1.000 |
| Belga samideano | 1.000 |
| Félix Gómez Martín | 1.341 |
| Angel García Brañanova | 500 |
| Suma y sigue | 19.297 |



La Inaŭguro. Parolas la Honora Protektanto. (Foto A. Fighiera.)

# PLI OL ANTAŬVIDITE

Kvankam ne estas por mi la unua U. K. en kiu mi partoprenis, ĉiu Kongreso havas siajn proprajn karakterizojn kiuj diferenciĝas de la aliaj.

Denove, post 46 jaroj, la tutmonda esperantistaro kongresis en la sveda ĉefurbo kaj la unua surprizo kiu havis la L.K.K.-anoj estis la fakto ke al la 65-a U. K. aliĝis pli granda nombro da esperantistoj ol antaŭvidite, kaj tiel pere de Kongresa Informilo la L.K.K. devis inviti la svedajn gesamideanojn ne partopreni la Inaŭguron pro manko da loko, ĉar la «Salono Zamenhof» taŭgis por 1.400 personoj kaj la aliĝintoj estis pli ol 1.800

La Kongresejo estis «Folkest Hus» (Popola Domo) kie okazis la plej gravaj kongresprogrameroj. Kontraŭ tiu moderna konstruaĵo situas «Liceo Norra Latin», kie troviĝis aliaj kongresaj salonoj.

La kongresa programo estis plene ŝtopita de diversaj aktivecoj kaj estis tute neeble partopreni ne nur ĉiujn, sed eĉ tiujn kiujn oni dezirus partopreni.

La ĉijara kongrestemo «Diskriminacio» estis traktata laŭlonge de la kongressemajno en pluraj seminarioj, prelegoj, kunvenoj, k.t.p. kiuj temis pri «diskriminacio kontraŭ etnoj kaj rasoj», «diskriminacio kontraŭ virinoj», «internacia ekonomia diskriminacio» k.t.p.

La Stockholma Kongreso havis aliajn propajn malsimilecojn ol antaŭaj kongresoj. Ekde la unua programero, la Interkona Vespero, ni havis okazon ĝin konstati; dum tiu aranĝo salutis la reprezentantoj de la Landaj Asocioj per neordinara sistemo. D-ro Sadler intervjuis ilin kaj demandis pri diversaj interesaj aferoj rilate la esperanta movado en la respektiva lando. Nome de Hispanio, mi mem partoprenis kiel Prezidantino de H.E.F., intervjuata kune kun la reprezentanto de Kolombio S-ro Mejia. Tiu nova sistemo estis malpli solena, sed oni povas konsideri ĝin kiel spontana, tamen, kiel kutime ĝi rezultis tro longdaŭra.

Dimanĉe, la 3-an de Aŭgusto okazis la Solena Inaŭguro en Salono Zamenhof penplena da gekongresanoj kaj diplomataj reprezentantoj.

D-ro Tonkin, ĝisnuna Prezidanto de U.E.A., bonvenigis ĉiujn en Stockholmo kaj parolis pri la paralelecon inter la svedaj komercistoj kiuj penetris ĝis la suda Eŭropo per iliaj velŝipoj kaj la nuntempa aktiveco de la svedaj sociaj servoj kiuj fariĝas pioniroj per ĝiaj konkeroj kaj leĝoj.

«Tiu spirito de sindono, tiu deziro trovi raciajn solvojn al sociaj problemoj, tiu skandinava morala sento, igas Svedujon natura aliancano de Esperanto kaj la esperanta spirito, ĉar Esperanto estas samtempe morala sento kaj pure praktika movado». Li ankaŭ parolis pri la risko de Svedujo perdi la propran identecon sub la influo de la anglalingva kulturo kaj salutis speciale la svedojn, esperantistojn kaj neesperantistojn, kiuj komprenas la gravecon de la skandinavaj kulturaj valoroj kaj la necesojn de interkompreno inter la diversaj popoloj pere de Esperanto.

Tuj sekve, la Prezidanto de L.K.K S-ro Lindblom, ankaŭ bonvenigis la pli ol supozite nombro da gepartoprenantoj kaj, poste, iris al la mikrofono la Alta Protektanto de la 65-a U. K. D-ro Ingemund Bengtsson, Prezidanto de la Sveda Parlamento, kiu per fluaj vortoj parolis esperantlingve, bonvenigante la gekongresanojn al Svedujo. Li emfazis ke malgraŭ la fakto ke en Stockholmo okazas multaj internaciaj kongresoj, la Esperantaj Kongresoj estas malsimilaj al ĉiuj aliaj kaj en tiu senco li diras: «En ĉi tiu Kongreso ĉiuj delegitoj povas kompreni unu la alian sen interpretisto. Ĉiuj parolas la saman lingvon. Neniu estas diskriminaciata en tiu rilato. La Kongreso okupiĝos pri unu el la plej gravaj problemoj de nia tempo, nome: diskriminacio... Mi esperas, ke la rezulto de tiu-ĉi Kongreso estos utila en la estonta lukto kontraŭ ĉiu specoj de diskriminacio. Kompreni unu la alian estas grava kondiĉo por povi konvinki. Nia tasko estas konvinki plejeble multajn pri la bezono de lingvo, kiun la civitanoj de ĉiuj nacioj povas paroli flanke de la gepatra lingvo, komuna lingvo estas sendube faktoro de paco». Li finis dezirante sukceson al la Kongreso por kontribui al pli bona kompreniĝo inter la popoloj. Tondra aplaŭdado sekvis tiujn gravajn vortojn.

Post la saluto de la diplomataj reprezentantoj de diversaj landoj, iris al la mikrofono D-ro J. Wells kiu prelegis pri la kongresa ĉeftemo asertante ke kvankam ni ĉiuj parolas Esperanton kaj partoprenas esperantan kongreson, ni ne nur diskutos pri Esperanto, sed pri alia grava celo de Esperanto, kiu estas la nediskriminacio, ĉar uzi neŭtralan lingvon signifas forigi lingvan diskriminacion.

Por brile fini tiun aranĝon, ni havis okazon aŭskulti la marŝon «Vivu Esperanto» komponita de la svedo Sam Rytberg por la 26-a U.K. en 1934 okazinta en tiu-ĉi sama urbo, kaj kiu tra jardekoj restis kiel populara marŝo en Svedujo.



**Dum la Ekumena Diservo en la Katedralo**

Postagmeze la Katedralo, kie okazas la religiaj ceremonioj de la reĝa familio, estis la kadro elektita por la Ekumena Diservo.

Vespere, la Internacia Arta Vespero ĝojigis nin per varia kaj bona programo el kiu mi elstaras la bela voĉo de S-ino Bozena Zborowska kaj la jam tre konata baritono Veselin Damjanov kiu kiel ĉiam vigle forte kaj perfekte kantis. Post novstila pianludado de la juna pianisto Geert Dehoux, la pola S-ino Zuzanna Kawulok surprizigis nin per ludo da dekoj da flutoj, fajfiloj kaj montaraj muzikiloj, kiujn ŝi heredis de sia patro, akompanata de ŝercaj rakontetoj kiuj gajnis la aplaŭdadon de la ĉeestantoj.


Teatra Vespero. «Malfermu la pordon». (Foto A. Fighiera.)

Maria Angelova, kiel ĉiam per tre agrabla voĉo kaj Hans Linden per komentitaj kantoj finis tiun interesan programeron.

Lunde, okazis la unua ĝenerala kunsido, kaj poste mi partoprenis la koncerton de V. Damjanov, kiu entuziasmis la senkondiĉajn aŭskultatojn. Vespere, la balo okazis en malkutima loko, ĉar la elektita kadro estis la Urbodomo de Stockholmo, vera palaco bele murornamita.

Marde kaj merkrede estis programitaj diversaj ekskursoj. Ili estis tre bone organizitaj, kvankam kiel ĉio en tiu bela lando, multekostaj. Tamen, eble la monkapablo de la esperantistoj estis sufiĉe bona, ĉar ekde la unuaj tagoj de la kongreso jam estis elĉerpitaj la biletoj por kelkaj ekskursoj. Mi povas paroli pri la duontaga ekskurso al Wasa Muzeo, tre interesa, kiu gardas tre bone rekonstruita la reĝan batalŝipon kiu dum sia inaŭgura veturo subakviĝis en la maro; kaj al la hejmo de la princo-pentristo Eugen en Waldemarsudde nun arta muzeo, enhavante ne nur pentraĵoj de la princo mem, sed ankaŭ de aliaj artistoj svedaj kaj alilandaj.

El la tri ekskurso organizitaj de L.K.K. merkrede mi elektis la B-2 kiu kondukis nin al la historia kaj universitata urbo Upsala. Tiu ĉi ekskurso ja interesa, permesis al ni viziti la Katedralon konstruita honore de la ĉiela patrono de Svedujo S-ta Erik kaj kie troviĝas multaj belaj tombkapeloj inter ili tiu de la reĝo Gustav Vasa; la universitatan bibliotekon «Carolina Rediviva» kun pli ol miliono da volumoj kaj proksimune 2.000 manuskriptoj inter kiuj estas la mondfama Codex Argenteus (Arĝenta Biblio). Dum la komuna tagmanĝo en bela kaj eleganta restoracio situata en plena naturo, ni kaj aliaj gekongresanoj kun kiuj ni kune tagmanĝis estis intervjuataj de sveda ĵurnalisto. La intervjuo, sufiĉe ampleksa, aperis la 7-an de Aŭgusto en la loka ĵurnalo «Upsala Nya Tidning».

Marde, vespere, bonega pola pupteatro de Rabka gajnis nian atenton kaj intereson per prezentado de «Muzikkanto Zvirtala» de Wilkowski kiu gajnis la unuan premion en la pasintjara pupteatra festivalo en Zagreb. Tiu

programero al kiu ĉeestis ankaŭ la geinfanoj de la Infana Kongreseto vere sukcesis pro la sprita kaj simpla maniero aktori. Kaj kion diri pri la merkreda teatra prezentado? La teatraĵo «Malfermu la Pordon» de Cholinski, ludata de la Pola Esperanto Teatro, tio estas: Kalina Pienkiewicz kaj Zbigniew Dobrzynski, prezentis krizon de geedza paro, per drama situacio, post la mortiĝo de la filino, tute nekompreneble por la gepatroj. La psikologiaj trajtoj de la paro, siaj kulpoj estis la ĉefaj motivoj de tiu teatra verko kiu povus resti iom malvarma sen la kapableco kaj profesieco de la du rolantoj. La ejo elektita por tiu programero —la granda salono Zamenhof— ne estis la plej taŭga por teatraĵo, tamen certe ĝi estis elektata pro ĝia kapableco, kaj malgraŭ tiu malfacilaĵo, la voĉo de la geaktoroj estis bone komprenebla en ĉiu angulo de la salono. Kalina Pienkiewicz kaj Zbigniew Dobrzynski kiujn ni hispanoj havis la plezuron aplaŭdi okaze de ilia interveno en la teatra prezentado dum la Hispana Kongreso okazinta en Gijón, denove gajnis fortegan aplaŭdadon.

Ĵaŭde, reprezentantoj de diversaj landoj, membroj de I.K.U.E., havis okazon esti akceptataj de la katolika episkopo de Stockholmo.

Antaŭ la fino de la Kongreso, kiel kutime ni havis eblecon koni la folkloron de la gastiganta kongreslando, kaj tiel la sveda vespero proponis al ni popoldancojn, kaj muzikon, eĉ tre modernan kaj avangardan kiel decas al tiu norda lando.

La fino de la Kongreso alvenis kaj la ĵus elektita Prezidanto de U.E.A. S-ro G. Maertens prezidis tiun solenan Fermon akompanata



**Transdono de la flago. Maldekstre la nova Prezidanto de U.E.A.**

ĉe la podio de la estraranoj de U.E.A. La nova ĝenerala sekretariino D-rino Flora Szabó Felso raportis pri la laboroj realigitaj dum la Kongreso; sekve, la Vicprezidanto D-ro R. Corsetti legis la kongresajn rezoluciojn.

Post anonco de la nomoj de la novaj honoraj membroj de U.E.A. alvenis la plej solena momento: La transdono de la kongresa flago.

La Prezidanto de L.K.K. S-ro Lindblom donis al la brazilanoj tiun flagon kiel simbolo de kontinueco. La strofoj de nia himno «La Espero» fermis emocie ĉi tiun Kongreson.

Post tiu raporto pri la U.K. mi ankoraŭ deziras mencii kelkajn rimarkindaĵojn. Tiel inter la kongresdokumentaro estis trovebla libreto «Kion manĝi kaj kie» kiu bone taŭgis al ni por trovi konvenan ejon por manĝi dum la kongressemajno kaj pluraj svedalingvaj flugfolioj pri Esperanto. Ankaŭ menciinda estas la kongresa libroservo kiu en konvena ejo prezentis variecon da titoloj, bedaŭrinde ni ne trovis titolojn eldonitajn en nia Lando.

Se gravas la t.n. oficialaj aranĝoj, ankaŭ gravas la personaj kaj amikaj kontaktoj kun geesperantistoj de la tuta mondo, kaj tion, feliĉe, ni havis dum ĉi tiu Kongreso. Nur restas al mi konsili la hispanajn geesperantistojn partopreni iam en Universala Kongreso.

**M. R. URUEÑA**

# 53-a INTERNACIA KONGRESO DE SAT

## 19-a ĝis 25-a de julio - RIJEKA (Jugoslavio)

La 53-a Internacia Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT), tre sukcesis. Ĝin partoprenis 380 geesperantistoj el 18 landoj. Francujo estis la lando, kiu havis pli da kongresanoj ĝin sekvis laŭ la nombro Jugoslavio. El Hispanujo ni estis kvin kongresanoj. El la Orienta Eŭropo, du germanoj el GDR kaj sep hungaroj. El la komunistaj landoj nur ĉeestis tiuj du el GDR kaj la sep hungaroj, ĉar tie ekzistas malfacilaĵoj por transiri la landlimojn.

Rikeja estas bela, havena kaj industria urbo ce la Adria Maro. Ĝi travivis turmentigajn historiajn okazajoĵn. Antaŭ la unua mondmilito Rijeka apartenis al la Austro-hungara imperio; inter la du mondmilitoj apartenis al Italujo sub la nomo Fiume kaj post la duo mondmilito al Jugoslavio.

Dum la Kongreso okazis pluraj ekskursoj: Al la grotoj de Postojna, la plej grandaj el Eŭropo; al la lago kaj nacia parto de Plitvice; al la duoninsulo Istra; kaj ŝipetveturado al la insulo Krk.

Krom la laborkunsidoj estis tre interesa prelego pri la kongreslando en kiu la ĉeestantoj povis fari demandojn. Estis rakontita la socior-ganizo de la laborista mastrumado kaj la politika bazo de la Konsilioj sub la gvidado de la ununura partio La Ligo de Komunistoj.

Alia tre interesa prelego kun forumo estis tiu de Zlatnar Peter pri la «Nacia problemo kaj socialismo».

Entute ni povis vidi la landon kaj percepti la tieajn socialajn kondicojn kaj la funkciadon de la ŝtato.

En la lasta kaj kvara laborkunsido, post detala diskutado, estis aprobita la ĉijara kongresa gvidrezolucio. Jen skize: LA KONGRESO: KONSTATAS la suferon pro la pliakriĝo de la interŝtataj, socipolitikaj kaj ekonomikaj interrilatoj; la kulturan imperialismon de la evoluintaj landoj; la lingvan diskriminacion. Pri tiu diskriminacio la kunsidantoj instigas la Kongreson, kiu per aparta deklaracio proponu la uzadon de Esperanto kiel demokratian alternativon, cele al sinteno de la lingva politiko en la nuna mondo.

KONSCIAS, ke la eliro el la nuna krizo kaj militdanĝera mondsituacio estas je kreado de nova pli justa ekonomika mondsistemo kaj la egalrajta kunlaboro inter landoj kaj inter ĉiuj kulturoj.

APOGAS la rezolucion de la monda sindikata konferenco okazinta en Beograd, aprilo, 1980.

EMFAZAS la neceson dediĉi grandan atenton al la SAT junularo kaj Esperanto-junularo ĝenerale.

NOTAS la eblecon kunlabori kun Mondpaca Esperanto-Movado, MEM.

DANKAS la helpon al la Kongreso de la jugoslava socipolitika vivo, baze de la laborista memmastrumado.

Fine la Kongreso akceptis la proponon okazigi la venontan 54-an Kongreson en Svislando, de la unua ĝis la oka de aŭgusto, 1981.

G. MOYA

# XLI-an Hispana Kongreso de Esperanto

## (Murcia, 17-22 julio 1981-a)

Adreso de la Organiza Komitato: Apartado de Correos 3.074, MURCIA.

Kiel kongresejo estas antaŭvidita la Universitato kaj en ties Paraninfo okazos la ĉefaj aranĝoj de la Kongreso.

La Programo, tre interesa kaj varia, konsistos el:

Interkona Vespero, Solena Inaŭguro, du prelegoj, unu hispane kaj alia esperante; du ekskursoj, unu el ili tuttaga al «Mar Menor»; laborkunvenoj, ĝenerala asembleo de H.E.F.; projekcio de E-filmoj, k.t.p.

## Aboniĝu al «El Popola Ĉinio» nun, kaj kaj profitu la okazon de favora malaltigon de 20% ĝis 31-1-1981

«El Popola Ĉinio» estas sinteza esperanta gazeto, kun riĉaj artikoloj kaj multaj nigrablankaj kaj koloraj bildoj, ĝi raportas pri novaj atingoj de Ĉinio, Ĝi enhavas ankaŭ specialajn rubrikojn: Esperantaj novaĵoj, Inter ni, Fotoj pri naturaj belaĵoj, Turismo, Nia vivo, Nia historio, Historiaj objektoj, El la regionoj de nacimalplimultoj, ktp.

La 20% favora malaltigo de la kotizoj oni devas depreni, la novaj kaj renovigaj abonantoj de la jenaj aktualaj abontarifoj: 1 jaro kostas 420 pesetoj, du jaroj kostas 700 ptoj., tri jaroj 1.050 ptoj. Por ĝenerala sciigo mi komunikas ke por la venonta jaro oni ne publikigos kiel kutime la murkalendaron, anstataŭ ĝi, oni preparas poŝkalendarojn por donaci al la abonantoj. Ankaŭ ricevos specialan donacon la abonvarbantoj de novaj abonantoj.

PERANTO POR HISPANIO: F. Gómez Martín, str. Corbeta, 8, 5º A. Madrid-22.

# NEKROLOGO

JOSE MANUEL PINEDO RODRIGUEZ subite forpasis en Madrido la pasintan 26-an de julio, Li partoprenis Universalajn Kongresojn (Madrido kaj Belgrado), internaciajn renkontiĝojn kaj naciajn kongresojn, de la jaro 1962-a kiam ekkontaktis kun esperanto-aranĝoj okaze de la Hispana Kongreso okazinta en Valladolid. Li vojaĝis al Madrido por la XL-a Hispana Kongreso de Esperanto, sed li ne ĉeestis ĝin post la inaŭguro pro laceco; kvankam li enskribiĝis por tuttaga ekskurso, li ne partoprenis ĝin pro aliaj devoj. Ankaŭ li aktive partoprenis en iama loka Esperanto-grupo. Kiam li jam zorgis pri revenvojaĝo li malsaniĝis kaj eniris en Provincan Hospitalon kie malgraŭ kuracaj klopodoj li forpasis tiun saman tagon, kiam li projektis reveni en sian urbon, Santander.

Al lia vidvino, Angeles García Gómez, fidela kunĉeestanto en multaj tiaj kongresoj, ni esprimas nian sinceran kaj tutkoran kondolencon.

# 40 CONGRESO NACIONAL DE ESPERANTO

## CONCLUSIONES

1º Solicitar de Radio Nacional de España la introducción del Esperanto en sus cursos de idiomas.
2º Hacer un llamamiento a todas las organizaciones juveniles existentes en el país para que apoyen la difusión y el uso del Esperanto entre sus miembros.
3º Solicitar del Ministerio de Universidades e Investigación y de las propias Universidades, la introducción del estudio del Esperanto como una nueva rama de especialización filológica.
4º Solicitar de los medios de difusión social, presten la debida atención al problema lingüístico y a su solución por medio del Esperanto.
5º Agradecer a S. M. la Reina Doña Sofía la gentileza de haber aceptado la Presidencia de Honor de este Congreso.

## RESOLUCIONES

1º Aceptar Murcia como sede del próximo Congreso Nacional de Esperanto.
2º Aceptar Zaragoza como sede para el Congreso a celebrar en 1983.
3º Ver con satisfacción el restablecimiento de la Sección Juvenil y solicitar de todos los esperantistas españoles la máxima colaboración y apoyo.
4º Nombrar a los socios D. Mariano Cantalapiedra, de Valladolid, y D. Rafael Fiol, de Sevilla, Miembros Honorarios de la Federación en virtud de la labor realizada por ambos en favor del Esperanto.
5º Recomendar a los futuros Comités Locales que con la suficiente antelación informen sobre el Congreso, para garantizar la máxima participación de esperantistas extranjeros.
6º Agradecer a la Dirección de la Escuela Superior de Ingenieros de Minas las facilidades dadas para la organización y celebración de este Congreso.
7º Expresar el agradecimiento a los miembros del Comité Organizador por la magnífica labor realizada.